# HAMBURG Esperanto



1/1993

Februaro/Marto

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

**La plej granda demonstracio, kiu iam okazis en Hamburg.** *Foto: MoPo*

## *Alster-Lumado* en Hamburg

**Hamburg (ehh). La 13an de Decembro 1992 demonstraciis 400.000 homoj en la urbocentro kontraŭ ksenofobio.** La sonoriloj de 250 Hamburgaj Preĝejoj sonis, kiam en vico de pli ol 12 km ĉirkaŭ la Alster-lago kolektiĝis la homoj, portantaj kandelojn por esprimi malakcepton de perforto kontraŭ alilandanoj. Ankaŭ la Hamburgaj Esperantistoj partoprenis en la demonstracio. D-ro Werner Bormann, prezidanto de la Hamburga Landa Ligo de GEA, dum la Zamenhoffesto (12.12.) alvokis la ĉeestantojn, renkontiĝi apud la Alster-lago kaj kune aliĝi al la granda demonstracio. Multaj Klubanoj sekvis al la alvoko, sed atingi certan lokon kaj trovi iun serĉatan personon en tia homamaso ne estis eble. Do ni ne scias, kiom da Esperantistoj ĉeestis.

*Benno Klehr*

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 2/1993:**
**08-03-93**

## Sentenco

**Atendu vian novan poŝtkodon, kaj vi scios, kie vi loĝas!...**
En Germanio validos novaj poŝtkodoj por la tuta lando ekde Julio 1993. Nur post kelkaj semajnoj la Poŝto publikigos ilin. Poste ne plu validos en nia adreso W-2000 Hamburg 26, sed eble 20026 Hamburg, aŭ io simila... certe kvin-cifera.

## Pri redaktado

Kiel kutime, ***Esperanto Hamburg*** denove estas sufiĉe aktuala. La cirkonstancoj tamen ne estas tiom agrablaj al la redaktoro: Ĝis la lasta tago antaŭ la redaktofino atingis min eĉ ne unu aktuala Hamburga artikolo; pri tio oni ŝparas ĝis la limdato. Ekster-Hamburgaj sendintoj ŝajne pli bone povas kompreni, kiom da laboro kaŭzas redaktado, kaj sendas siajn kontribuaĵojn pli frue.
Mi eĉ ricevis respondan leteron el Beograd, kie mi tute ne supozis havi leganton. Bedaŭrinde li ne indikis sian adreson. (Tamen mi sukcesis helpe de Bosnia Esperantisto eltrovi ĝin.)
Same kvazaŭ *anonime* atingis min du ekzempleroj de la *Litova Stelo,* senditaj el Berlin. La sendinto devas esti lerta leganto de ***Esperanto Hamburg,*** ĉar estas evidente, ke post artikoloj pri Latvio kaj Estonio, nun devos sekvi artikolo pri Estonio, kiu fakte troviĝas en tiu ĉi eldono.
Mi petas la kontribuantojn, kaj tiujn, kiuj foje ŝatus publikigi artikolon, ne atendi ĝis la lasta tago, sed sendi ĝin (eĉ nacilingve) plej bone jam kelkajn semajnojn antaŭ la redaktofino. Dankon. *Benno Klehr*

## Karaj legantoj!

**La nova jaro1993 ankoraŭ estas sufiĉe juna por deziri al vi sanon kaj bonfarton - kaj al ni ĉiuj en la mondo precipe pacon; pacon inter la popoloj kaj inter la unuopaj homoj. Paco ne estas, kiam nur ne estas milito: Paco estas, kiam ne ekzistas malamo kaj perforto.**

*Benno Klehr*

# Jarĉefkunveno de HES 1993

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
invitas al jarĉefkunveno,
la **25an de Februaro 1993**
je la **20a horo**
en la Esperanto-Domo,
Klaus-Groth-Straße 95.

**Tagordo:** (laŭ EK 16.01.93)

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Senŝarĝigo
6. Buĝeto kaj kotizoj
7. Diskuto kaj decido pri proponoj
8. Diversaĵoj

Atentu!

Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 11a de Februaro 1993.

*Benno Klehr, prezidanto*

# HES-Zamenhof-festo 1992




Al nia **Zamenhof-festo**, la 12an de Decembro, venis proksimume **kvindek** gastoj, por festi en amika rondo. Ni ĝojis, revidi multajn membrojn, kiuj alikaze nur malofte estas viditaj en la klubejo, sed estis allogitaj de la festa okazaĵo. Speciale ni ĝojis, ke aro de **novaj membroj** kaj ne-membroj enviciĝis ĉe ni.

La klubejo surprizis nin per speciale afabla aspekto: Dank' al la aktivema engaĝiĝo de *Burkhard Mohrig* kaj aliaj helpantoj ĝi estis ricevinta novajn helajn natur-lignajn **tablojn** kaj tre ujutnan (gemutan) **luminstalaĵon**. La salono nun elradias ioman lukson.

Konvena al tiu atmosfero estis la fest-manĝo: Niaj kuiristino kaj kuiristoj - laŭ profesiula gvido de *Benno Klehr* - elsorĉis grandiozan menuon. Dum ses manĝometoj ni travivis rondvojaĝon tra Eŭropo kun delikataĵoj el ses diversaj landoj. La **vegetaranojn** oni konsideris per speciala menuo, pro kio ili kore dankas. Ĉio estis tre bongusta, kaj mi nur vidis kontentajn vizaĝojn.

Antaŭ la unuopaj pladoj ĉiam **interesaj prelegetoj** zorgis pri spirita ekmoviĝo de la gastoj. Post la bonvenigo de nia prezidanto *Benno Klehr* sekvis legado kaj komentado pri la verkoj de Zamenhof far *d-rino Vesna Staniĉiĉ-Burchsrds*. Per ĉarma kantado de tri popolaj kantoj en Esperanto *Irmgard Karst* prezentis ion por la koroj de la aŭskultantaro. *D-ro Bodo Schneider* prilumis imagitan viziton de iu "Sankta Lazaro" (L. Zamenhof), kaj *d-ro Werner Bormann* prezentis al ni kelkajn aspektojn de la Esperanto-movado kaj la avantaĝojn, kiujn la uzado de la lingvo Esperanto povas alporti. La kantado de *Elsbeth Wielgus*, *Hannelore Brunow* kaj ne-Esperantista amiko *Helmut Wagner* formis agrablan finiĝon de la oficiala programo kaj transiron al libera babilado en malgrandaj rondoj.

**Kulmino** de la vespero sendube estis la prelego de *d-rino Vesna Staniĉiĉ-Burchards*. Ŝi pritraktis politikajn problemojn de nuntempo kaj pontumis al la verkoj kaj la idealoj de Zamenhof. Naskiĝinta Kroatino, ŝi speciale estas tuŝita de la ekbrulanta naciismo kaj la milito en iama Jugoslavio kaj povis per sinceraj analizoj igi nin tre pripensemaj. Ŝi atentigis nin, ke cent jarojn post la kreo de Esperanto kaj estiĝo de Homaranismo, la mondo apenaŭ pliboniĝis. La espero de *Zamenhof* ankoraŭ ne realiĝis, kaj Esperanto ne ludas rolon en la politika monda politiko.

Post la sinceraj vortoj de *Vesna*, tre distris nin la viglaj kaj molaj melodioj de *Irmgard*, kaj estis bona balzamo por la animo.

Entute nia Zamenhof-festo - ne negeble dank' al la konsiderema gvidado kaj planado de *Benno Klehr* kaj *Gerd Tigges* - estis kompleta kaj sukcesa okazaĵo. Ni pasigis agrablan kaj inspiran vesperon en la klubejo. Mi neniam fartis tiom bone en la klubejo, kiel dum tiu ĉi vespero. Ni ankoraŭfoje dankas ĉi-loke al ĉiuj, kiuj partoprenis en la efektivigo de tiu bela vespero.

Tiu vespero ankaŭ efikis, ke la nomo de la klubo estis portita en la mondon:

Laŭ peto de **Pola Radio**, *d-ro Werner Bormann* kasedofone surbendigis la feston kaj transdonis al la radio-stacio. Tiu elsendis la prelegon de *Vesna* komplete kaj unu kanton de *Irmgard* la 11an de Januaro 1993 en la kutima Esperanto-elsendo. La prelegon de Vesna oni eĉ ripetis la 12an de Januaro.

*D-ro Bodo Schneider*

# Poemo de legantino

En la mezo de la nokto
mi vekiĝis subite
ĉar mi sonĝis pri milito
kaj mi timis ege.

En la mezo de la nokto
mi ekkriis laŭtege
ĉar mi pensis ke amiko
suferas terure.

En la mezo de la nokto
mi preĝis energie
ke la Dio en ĉielo
konservu pacon eterne.



# Esperanto-biblioteko BW / Munkeno

S-ro Pachter, la **Bibliotekisto de la Sudo**, nome komisiito pri libroj kaj bibliotekisto de la biblioteko de *Baden-Virtemberga Esperanto-Ligo* (BAVELO) kaj prizorganto de la *Esperanto-Biblioteko Munkeno(!)*, en letero al la klubo sciigas, ke li "ankaŭ starigas arkivejon de Esperanto-movado tutmonde".
Li petas, ne forĵeti iajn Esperantlingvajn presaĵojn (eĉ ne malnovajn aŭ ĉifonitajn), sed sendi ĉion ajn al li laŭ jena adreso:

**Deutscher Esperanto-Bund e.V.**
**Landesverband Baden-Württemberg**
**Bücherdienst (Pachter), Zum Kräutle 8**
**W-7480 Sigmaringen-Jungnau.**

Cetere li ankaŭ petis, ke ni sendu "ĉiujn ĝis nun eldonitajn bultenojn de via (t.e. nia) societo". Fakte tio ne eblas, ĉar perdiĝis multo el la jaroj inter 1904 kaj 1935. Krome ni ne estas pretaj, fari kopiojn de ĉiuj »Informiloj« depost 1946. Ni iam sendos restintajn ekzemplerojn el la pasintaj jaroj, sed certe ne kompletan kolekton. Kompleta kolekto de nia bulteno »Informilo aŭ HES-Informilo, Informilo Hamburg, Esperanto Hamburg« (la nomo kelkfoje ŝanĝiĝis) havus pezon de proksimume 5 kilogramoj! Por fari tian grandan laboron, simple mankas al ni homoj, kiuj havas tiom da tempo kaj energio. Jam estas malfacile, prizorgi Hamburgan kluban arkivon. Ne eblas, zorgi pri aliloka arkivo; jam sufiĉas ke HES havu kiel eble plej kompletan kolekton de Hamburgaj Informiloj.

Benno Klehr

# Kursfina ekzameno



**Sidante (de mld.): Aage Fischer, Sonja Siemianowsky, Lars Homann; starante: Peggy Ley, d-ro Werner Bormann, Jürgen Wulff, Pia Haasis, Gudrun Block.** Foto: Hella Lanka

**Gajaj vizaĝoj post la ekzameno en la Esperanto-domo en Hamburgo.**

Merkredon, la 16an de Decembro 1992, partoprenis kvin kandidatoj inter la 17a kaj 20a horo la kursfinan ekzamenon, kiun gvidis la ***ekzamenkomisarino Hella Lanka.*** Ek de Septembro *Jürgen Wulff* komune kun *Peggy Ley* instruis ĉiun Merkredon kun granda sukceso. *D-ro Werner Bormann* transdonis la ekzamen-certifikatojn al *Gudrun Block, Aage Fischer, Pia Haasis* kaj *Sonja Siemianowsky.* Eĉ du kandidatoj membriĝis en HES. La Hamburgaj klubanoj bonvenigas la novajn membrojn kaj gratulas al ili kore. *Hella Lanka*

## Kurso por progresintoj

ĉiu-semajna kurso Esperanto II

Merkrede de 18$^{\underline{00}}$ ĝis 19$^{\underline{30}}$, 10 vesperoj

Kotizo: DM 75,- (reduktita 50,-)

por membroj de HES la partopreno kostas DM 25,-

# NIA PROGRAMO 1/93

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19.30 h.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## FEBRUARO

| | |
|---|---|
| 4 | **Literatura vespero** *ĝis redaktofino la temo ne estis konata* |
| 11 | **Kunveno de la Landa Ligo de GEA** (Eksp-oWeiterbildung) |
| 13 | *Studrondo* |
| 18 | **Klubaj aferoj** Preparo de jarĉefkunveno |
| 22 | ***GIS-Kunveno*** |
| 25 | **Jarĉefkunveno de HES** |
| 27 | *Studrondo* |

## MARTO

| | |
|---|---|
| 4 | **Literatura vespero** *ĝis redaktofino la temo ne estis konata* |
| 11 | *Wolfgang Löbel:* **Pola Pomerio** (diapozitivoj) |
| 13 | *Studrondo* |
| 18 | **Diskuto pri Klubaj aferoj** |
| 25 | *Benno Klehr:* **Lingvaj ludoj** |
| 27 | *Studrondo* |
| 29 | ***GIS-Kunveno*** |

## Ĉu vi jam pagis vian kotizon por 1993?

**Ordinara membro de HES kaj GEA pagu kotizon de 55,- (HES) + 60,- (GEA) = GM 115,- al poŝtĝirokonto 1 73 22 - 2 07.**

**(Hella, nia kasistino volonte akceptas donacojn!)**

**Ne forgesu indiki vian nomon sur la ĝirilo!**

# Germana Esperanto-Asocio
# Laborrondo Esperanto en Ŝlesvig-Holstinio

Rendsburgo, 1992.12.29

Karaj samideanoj,

kiel decidita en Lübeck, nia dua landa renkontiĝo okazos en Kiel la

**30an de Januaro 1993.**

La programo estos:

$9^{00}$-$10^{00}$ Bonvenigo en la stacidoma restoracio "Gorch Fock"
$10^{00}$-$12^{00}$ Urbotrarigardo kun ekz-e vizito de "Nikolai-Preĝejo" aŭ Muzeo de Arto,
$12^{00}$ Tagmanĝo en "Klosterbrauerei", Alter Markt
$14^{00}$ Membrokunveno en la "Pumpe", Haßstraße

Ni proponas, ke ni fondu la Ŝlesvig-Holstinian Landan Ligon (SHELO) dum tiu kunveno.

**Tagordo**:

1) Konstato de decidkapablo
2) Pridiskuto de la statuto kaj voĉdono
3) Elekto de la estraro
4) Propono de komisiitoj
5) Pridiskuto pri konsilantaro
6) Diversaĵoj

Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe Christian aŭ Wilma.

Por Esperantistoj, kiuj ŝatus pasigi semajnfinon en Ŝlesvig-Holstinio,
ni ofertas tranokteblecon ĉe samideanoj.
Limigitaj lokoj. Nepre kontaktu Christian aŭ Wilma.

**Kore salutas**

*Christian* *Wilma*

Christian Darbellay
Kaiserstraße 43
2300 Kiel 14
04 31 / 53 70 16

Wilma Lehmann
Alte Kieler Landstraße 114
2370 Rendsburg
0 43 31 / 2 95 31

# Korekto

La tempismo tute ne havas malfacilaĵojn kun la formo "-as -ata" en la frazo "Hodiaŭ la kontrakto estas subskribata!, kiel s-ro Klehr miskonkludas el mia aserto, ke tiu frazo estas semantike erara. S-ro Klehr bedaŭrinde ŝiris tiun mian frazon el la cetera rezonado, kiu resumeblas, ke en la supra frazo laŭ mia opinio estas malĝusta la uzo de "hodiaŭ", ne la formo "-as -ata".
Nome, tute sen "-ata" aŭ "-ita", mi same dirus, ke la aktiva versio de tiu frazo ("Hodiaŭ oni subskribas la kontrakton") estas semantike erara, aŭ - pli tolereme - nekutima. Ĝustaj estas la ebloj "Hodiaŭ oni subskribos la kontrakton" (antaŭaga stato) kaj "Hodiaŭ oni subskribis la kontrakton" (postaga stato).
Se oni volas paroli pri la dumaga stato, tiam estas do ĝustaj la formoj "ĵus oni subskribas la kontrakton" aŭ pasive "ĵus la kontrakto estas subskribata".
Ŝajne la semantike duba frazo "Hodiaŭ la kontrakto estas subskribata" misgvidis profron Sachs al tro kuraĝa interpreto: "la kontrakto venas/venos/venis en la staton de »esti subskribita«". Se mi volus esprimi tiun tempopunkte sendifinan agon, mi formulus: "Hodiaŭ estas la tago de la kontraktsubskribado".

La plej multaj ordinaraj parolantoj emas, indiferente uzi nur "-as -ita" kaj "-is -ita" (eĉ ne "-os -ita", kiam tio necesus). Tion oni nomu "fuŝismo"; s-ro Klehr kiel multaj aliaj tamen konkludas el tio, ke "la aspektismo estas plej uzata".

*Rudolf Fischer*

---

# EL NIA KLUBO

## Nova klubeja ekipaĵo

Ĝustatempe antaŭ la Zamenhoffesto ni sukcesis, akiri novajn tablojn por la kluba salono. Niaj malnovaj tabloj estis kadukaj, havantaj aĝon de tridek jaroj. Per granda mon-donaco de iu bonfarul(in)o, kies nomon eĉ ne scias nia kasistino, estis eble al ni, aĉeti fago-lignajn tablojn, ĉe kies flankoj povus sidi pli ol sesdek personoj (iom dense). Tamen dum normalaj klubvesperoj, aŭ dum danc-vespero, kiam oni bezonas liberan spacon, eblas formeti la grandajn tablojn en deponejon, ĉar la piedoj de la tabloj estas **klapeblaj**. Ni longe serĉis, por trovi la plej bonan solvon: ĉu aĉeti kvadratajn, unupiedajn tablojn, kiel imagis Elsbeth, kaj fiksi inter po du tabloj pligrandigan platon, kiel mi proponis; ĉu aĉeti tiajn tablojn, kiajn Burkhard vidis sur somera teraso, kies piedojn oni povas forigi; ĉu eble tiajn, kiajn Friedel vidis en maljunulejo en Poppenbüttel; ĉu ni povus pagi tiajn gastronomiajn tablojn, kiajn mi vidis en la ekspozicio "Du und Deine Welt"? Post longa pripensado kaj kalkulado venis Burkhard kun liberiga novaĵo: Li ricevis sufiĉe da mono por aĉeti la plej taŭgajn tablojn, speciale faritaj por salonoj kun diversspeca uzado. Do la tabloj estis liveritaj la 1an de Decembro. Niaj membroj ne konstatis ian ŝanĝon dum la ĵaŭda vespero, la 6an de Decembro. Ni volis surprizi ilin por la Zamenhoffesto. Por kompletigi la surprizon ni ankaŭ instalis novajn (energi-ŝparajn) lampojn.
Finfine ni sukcesis forigi la mucidon de la 50aj jaroj el nia klubejo.
Nun ni (Hannelore, Elsbeth, Burkhard, Volker, Gerd kaj mi) denove dum la semajnfinoj laboras en la klubejo, por farbi diversajn murojn, instali novajn lampojn kaj bretarojn en la provizejo kaj la biblioteko. La biblioteko iam estis garaĝo kaj deponejo; nun ĝi fariĝu juvelo de la klubejo.

*Benno Klehr*

# Litovio: eks-grand-princ-lando

**La 11an de marto 1990, la registaro deklaris Litovion ree sendependa ŝtato.** Litovio estis la unua iama soveta ŝtato, kiu forlasis la *Sovetan Union*.

Litovio estas la plej suda kaj la plej granda el la baltaj respublikoj. Ĝia pejzaĝo estas vasta kaj ebena, kun arbaroj, riveroj kaj lagoj. Pro la grava agrikulturo kaj diversspeca industrio - elektriko, ĥemio, metal- kaj teksaĵprilaborado - la ekonomia situacio estas iom pli bona ol en



**La ŝtata blazono de Litovio**




aliaj iamaj Sovetaj ŝtatoj. Ankaŭ la eduka nivelo estas tre alta. Apud la Akademio de Sciencoj en Vilnius ekzistas 13 universitatoj kaj aliaj altlernejoj.

**Vilnius** (Vilno, 600.000 enl.) de post 1322 estas la ĉefurbo de Litovio. Vidindaj estas la *Gediminas-turo* sur la kastela monto, la *universitato* (ekde 1579), la *klasikisma katedralo* (1777-1800) kaj la baroka Preĝejo *Petro kaj Paŭlo* kun pli ol 2000 plastikoj

**Kaunas** (Kovno, 400.000 enl.), apud la enfluo de la Neris en la Nemanon (Memel) aĝas pli ol 700 jarojn. Dum la tempo, kiam Vilnius apartenis al Pollando (de 1920 ĝis 1939), Kaunas estis la ĉefurbo de Litovio.

La **historio** de Litovio estas plena je ŝanĝoj, kiel en ĉiuj ĉirkaŭaj landoj. Jam en la 13a kaj 14a jarcentoj ekzistis memstara Litova ŝtato, kie ne regis la Germana Ordeno, kiel en Estonio kaj Latvio. Per akiro de granda parto de la *Regno de Kiev* (Belorusio kaj Ukraino), Litovio fariĝis potenca princlando. Ĝi etendiĝis sude kaj oriente ĝis la riveroj *Dnjestr* kaj *Dnjepr*. En 1529 Litovio unuiĝis kun Pollando, post kiam la du landoj estis regitaj de unu sama princo. Per la *Divido de Pollando* en 1772 Litovio estis donita al Ruslando. En 1917, dum la unua mondmilito, Litovio fariĝis memstara respubliko. Sed la granda najbaro tion ne toleris: en 1939 Sovetunio establis armeajn bazojn en la lando. Per la kontrakto inter *Hitler* kaj *Stalin*, la sekretaj interkonsentoj inter *Molotov* kaj *Ribbentrop*, Litovio fariĝis parto de *Soveta Unio* en 1940. Dum la tempo de Soveta kaj Hitlera okupacio Litovio perdis trionon de la enloĝantoj (1 Mio). La Litova popolo perdis ĉiujn politikajn rajtojn. Tia restis la situacio ĝis la *nacia vekiĝo* en 1989.

*Benno Klehr*

## Dana Jarkunveno 1993 en Århus

Dana Esperanto-Asocio
invitas al la jarkunveno, kiu okazos
la 27an kaj 28an de Marto 1993 en
la Studenta Domo ĉe la Universitato de Århus.

La kotizo estas 50,- dkr (17,- gmk).
La festmenuo Sabate vespere
kostos 120,- dkr (40,- gmk).
Hotelo estas mem mendinda.

**Pliaj informoj en la HES-klubejo**

---

## TANEF

Internacia Ferio-Semajno en la *Pejzaĝo de la Jaro* 1993/94: Meklenburgio-Antaŭpomerio
4a ĝis 11a de Septembro 1993

Dusemajna restadejo kaj elirpunkto por ekskursoj estos:
Hotelŝipo **Burg Landshut** en Ueckermünde (Balta Maro)

Kostoj: DM 600,- + Aliĝkotizo:
- 50,- ĝis 30.04.
- 70,- ĝis 30.06.
- 100,- ĝis 01.07.

La *Pejzaĝo de la Jaro* estas regiono, kiu estas
- ekologie en danĝero
- protektenda
- translima.

Pliaj informoj kaj aliĝiloj ĉe **Naturamikoj**, s-ino Erna Döring, Postf. 225, CH - 4003 Basel

# Ni pri ni
# Historio de la Studrondo:

Konsternite ni rigardis unu la alian. La kurso por progresintoj ne plu povis esti daŭrigota. Tio tute ne plaĉis al ni. Kion fari?
Ni decidis, simple daŭrigi sen instruisto. Tio okazis antaŭ kvar jaroj.
Antaŭ nelonge enmaniĝis al mi nia unua telefonlisto kaj per ĝi ankaŭ la nomoj de la unuaj partoprenantoj de nia Studrondo: Gerda kaj Hans-Joachim Koch, Delia Pick, Käte Zähler, Wolfgang kaj Eva Löbel, Albert Bielenberg el Neumünster, Walter Kahlert kaj mi.



Post komenca provado establiĝis solida strukturo. Ni decidis, kunveni ĉiun duan Sabaton, en semajnoj kun para numero. Laŭvice gvidis unu partoprenanto post la alia la rondon kaj devis prepari la programon (ekz. ni baraktis dum monatoj kun la vorto "sia").
Nia celo estis kaj estas la kapablo libere paroli la Internacian Lingvon kaj precipe praktiki demokration.
Bruno Lehmann kiel unua sin deklaris preta, subteni nin en nia strebado. Nun la rondo sen li ne plu estas imagebla. Anneliese Bepperling ĝis la morto regule partoprenis. Poste aliĝis Karl-Heinz Hoffmann. Ni povis profiti per ĉiuj niaj spertaj Esperantistoj. Kiam ni tute ne plu sciis respondon, la tuta rondo rigardis al Bruno aŭ Anneliese. Per tiu kunlaborado kaj tiu harmonio disvolviĝis vigla aktiveco. Ideoj ne nur naskiĝis, sed ankaŭ estis realigitaj. Benno kaj Elsbeth kelkfoje haltis spiradi, kiam denove aŭdiĝis tiu "Ni havas certan ideon...".
La 15an de Marto 1991 troviĝis **21** nomoj sur nia listo de partoprenantoj. Ĉiam iuj venis kaj aliaj foriris, sed la *malmola kerno* ne nur restis, sed la Studrondo fariĝis fiksa ero de nia kalendaro.
Gastoj ĉe ni ĉiam estas bonvenaj. Por nur nomi la plej prominentajn (laŭ-alfabete): D-ro Werner Bormann, Hermann Behrmann el Paderborn, Karin Lencki kaj Stan Borremans el Buchholz en Norda Erikejo, d-ro Dirk Willkommen el Neumünster, surpriza vizito de Firdaŭs Ŝukurov el Taĝikio ktp. Tiu kiu interesiĝis, aŭ ĵus estis en Hamburg, foje vizitis nin. Tio ne signifas ke ni gluas je la seĝoj - tute male. Dum la pasinta somero ni spontanee vojaĝis por semajnfino al Templin. Iam Karin Lencki invitis nin al posttagmeza ekskurso en la erikejon; kelkaj gestudrondanoj veturis al Klaus Böhnke en Lübeck, por subteni la fondadon de Landa Ligo de Ŝlesvig-Holstinio. Intermeze kelkaj gestudrondanoj sukcese pasis la duan lingvo-ekzamenon. La *Krampa Teatro* estis kreita, kaj estis "proklamita" la *Literatura Vespero*. Per aliaj vortoj: Kiam estas rumoro aŭ moviĝado en la Klubejo, certe la Studrondo iel kuplas pri tio.
Mi foje volis rakonti tion kaj danki al la Esperantistoj, kiuj subtenis kaj ankoraŭ subtenas nin. Estas tute kompreneble ke nun eliru saluto en la erikejon al Karin kaj Stan.
Mi povas konstati, ke la semo de antaŭ kvar jaroj bone prosperis kaj fariĝis fruktodona.

*Hannelore Brunow*

Ni petas ĉiujn uzantojn de la
**biblioteko de HES**,
redoni la pruntitajn librojn.
Dum la sekvontaj semajnoj ni reorganizos la bibliotekon kaj pro teknikaj kaŭzoj bezonos ĉiujn librojn en la domo.
Dum tiu tempo la uzado de la biblioteko estos tre limigita,
**pruntado ne eblos**.